23ª Jaro - Nº 10 (248) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,– Oktobro 1937

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.33

ĈE L' PORDO DE L' VINTRO

## NI SEMU, NI LABORU !

For estas la libertempo. For estas la someraj tagoj, kiujn ni, en nia lando, ĝuis tiel malmultnombraj.

Rapide ĝi ŝajnis for, tiu libertempa periodo, dum kiu, ni ĝuis la ripozon, kiun postulis tutjara dejorado kaj laboro.

Ankaŭ laŭ propaganda vidpunkto, sur la Esperantista kampo, ĝi ŝajnis rapide for.

Apenaŭ la lastaj vintraj kursoj finiĝis, kiam jam oni alvokis nin al la nacia Kongreso.

Kaj apenaŭ oni postĝuis, dum kelka tempo, tiun nacian okazintaĵon, kiam jam, por nombro malfeliĉe ĉiam tro malgranda, ekaŭdiĝis la alvoko al la monda jarfesto, pri kiu ni parolos iom detale, en tiu ĉi numero.

Kaj kiam alvenis al ni la eĥoj pri la solenaĵoj, la laboroj kaj la pridiskutoj de tiu internacia festo, ni vidis jam, ĉe la griza ĉielo, la malhelajn nubojn, kiuj anoncas al ni, la malgajan vintron.

Sed, dum en la fabelo, oni komparas tiun vintron al la maljuneco, al la finiĝo de la vivo, tiu periodo, sur nia propaganda kampo, estas kontraŭe, la tempo de la juneco, la tempo, dum kiu devas alflui al ni tiu nova sango, kiu ebligos, dum la sekvanta jaro, la daŭran vivadon kaj la plenkreskon de niaj fortoj.

La vintro ĉe ni, estas fakte nia printempo. Estas la momento, kiam, ĉie en la lando, la gazetoj alportas la informojn pri la organizo de novaj kursoj; alvokas ĉiujn, kiuj iam aŭdis pri la glora eltrovaĵo de nia Majstro, sed kiuj ne jam kaptis la okazon konatiĝi pli intime kun ĝi, fariĝi pliaj militantoj en nia armeo de frateco, de amikeco tra la mondo.

La krizo, kiu, dum kelkaj jaroj, ne nur finance, ne nur sur la praktika kampo de la viveblecoj, premis nin ĉiujn en iu rilato, premis kelkajn inter ni, eĉ tre kruele, sed ankaŭ forprenis al multaj el niaj kunvivantoj, la esperon en pli belaj tagoj; la Krizo kun granda K, kiel oni diras, kiam oni volas pli reale personigi, la Bonon aŭ la Malbonon, ŝajnas nun for.

De ĉie, venas al ni la eĥoj pri pli bonaj tempoj.

Ke tiu plibonigo ne estu do, nur sur la financa kaj praktikviva kampo.

Ke tiu plibonigo influu ankaŭ niajn spiritojn. Ke ĝi donu al ni la forton, por ree vigle eklaboradi. Ĉar ni ne forgesu. Se ni volas enblovi ĉe aliajn la sanktan esperon en pli bona mondo, la sanktan esperon en pli bona kompreniĝo inter homoj de diversaj nacioj, ni mem devas, unue, esti vere konvinkitaj pri tiu ebleco; ni mem ne devas dubi, eĉ meze de krizo ekonomia aŭ intelekta, ke tamen, post la malbonaj tagoj, revenos la pli bonaj.

Ni devas ĉiam kaj daŭre esti la optimistoj en la mondo, ni, kies movado estas plena je la plej bela optimismo, tiu de hom-al-homa interkompreno, kiu devas forigi ĉiujn barojn, kiuj nun ankoraŭ ekzistas inter la popoloj kaj la gentoj, kaj kiuj plej ofte ripozas nur sur la ne-komprenéblo de la individuoj.

Kaj ni estas kontentaj, ĉar, ĝuste je tiu ĉi momento, je la komenciĝo de tiu ĉi printempa vintro, ekaŭdis ni pri du okazantaĵoj, kiuj vere rajtas plezurigi nin, ĉar ili estas ambaŭ signoj de vigleco, de vivamo kaj de tiu optimismo, kiun ni rekomendas.

En la rangoj de Reĝa Belga Ligo Esperantista, la plej malnova grupo de nia lando, — tiu, kiu ankoraŭ havis la gravan privilegion iam kalkuli nian Majstron, kiel honoran Prezidanton —, nia kara Bruĝa Grupo, kun vera soleno kaj per grandaj festoj, memorigos la tridekkvin-jaran jubileon de sia ekzisto.

Ni ne dubas, ke tiuj festoj estos rea okazo por antaŭenpuŝi pli kaj pli, la propagandon en tiu okcidenta parto de nia lando.

Alia fakto estas, se iom ekster la rangoj de nia Ligo, tamen tutapude, la translokiĝo de la magazeno, de la oficejo kaj de la salonoj de la « Belga Esperanto-Instituto », kiu, ĵus je la malfermo de tiu ĉi sezono, forlasis la hejmon, kiun multaj inter niaj legantoj konas, por malfermi novajn, pli larĝajn pordojn en centro la plej trafikplena de nia metropolo.

Ankaŭ pri ĝi ni ne dubas, ke de tie, la semado iĝos pli facile kaj pli fruktodona.

Kaj ni ankaŭ ne dubas, ke ambaŭ okazantaĵoj, estos kuraĝigo por tiuj en la lando, kiuj dise laboradas en urboj kaj komunumoj, kie ili ofte estas solaj aŭ malmultnombraj.

Ke tiuj sciu, ke ili povas kalkuli je la helpo de la jam pli fortaj fratoj kaj ke ili do, senlace, daŭrigu sian laboron.

Por ili, kiel por la aliaj, la devizo estu: Ni semu! Ni laboru!

Maur. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## AL LA ADMINISTRANTOJ KAJ KOMISAROJ DE R.B.L.E.

Por permesi, ke ĉiuj administrantoj kaj komisaroj povu partopreni la 35-jaran jubileon de « Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo, la kunsido de la administrantaro, kiu devis okazi la 10-an de Oktobro en Bruselo, estas prokrastita.

## ĈIUJ AL BRUĜO DIMANĈON, 3-an de OKTOBRO.

Kiel jam anoncite en nia antaŭa numero, Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo, festos la 3-an de Oktobro sian 35-an jubileon.

Multaj samideanoj jam aliĝis, sed kiu ne jam sendis sian aliĝon, bone farus uzante ĉiujn ekspresrimedojn por tuj anonci sian alvenon, ĉar la ne-ĉeestontoj estos malpravaj!

Ni ripetas ke la aliĝo kostas 5 Fr. kaj la festeno 30 Fr. La lastmomentaj aliĝontoj, kiuj ne plu havus tempon por ĝiri al grupa P.Ĉ.K. N-ro 2340.04, povus pagi je sia alveno.

**Ŝanĝoj en la programo:** 1) je la 11-a 30: la Solena Jubilea Kunsido okazos, ne en salonego « Brangwyn » ne disponebla, sed en « MUNTPALEIS — PALAIS DE LA MONNAIE », sur samnoma placo.

2) Teatra festo: estos ludataj tri unuaktaĵoj: « La Salujo », « Amaj Ruzetoj » kaj « Esperantistenliefde ».

3) Baloneta konkurso: ne povos okazi pro manko de antaŭvidita kunlaborado de komerca firmo.

## NIA NACIA KONGRESO.

Ni memorigas al niaj membroj, ke la nacia Kongreso okazos, en 1938, en la interesa kaj bela urbo Charleroi.

Jam multaj aliĝis. Inter tiuj, kies nomojn ni ne jam publikigis estas tiuj de la du fraŭlinoj Dorsinfang el Namuro.

Ni esperas, ke, en nia proksima numero, ni povos denove publikigi longan liston de aliĝintoj.

Ni atentigas ĉiujn pri la fakto, ke frua aliĝo ebligas multe pli facilan kaj trankvilan laboron, flanke de la organiza komitato, kiun ĉiuj povas helpi, pagante, jam de nun, Fr. 15 al P. Ĉ. K. 1119.10 de la Belga Kongreso de Esperanto, Charleroi.

## NIA INTERNACIA KONGRESO 1938.

Ni ricevis de nia Internacia Esperanto-Ligo, la jenan informon, senditan post la Kongreso de Varsovio:

**« IEL oficiale akceptis organizi la 30-an Universalan Kongreson en Londono. »**

Ni jam, en la antaŭa numero, informis niajn legantojn pri tiu okazontaĵo kaj represis, el « Brita Esperantisto », artikolon pri Londono, kiu certe jam instigis multajn el niaj amikoj, prepari sin al vizito de tiu tiel alloga mondurbo.

## La Pariza Konferenco

**(Esperanto en moderna Vivo)**

Ni atentigas tiujn, kiuj interesiĝas pri la problemoj, pridiskutitaj dum la Pentekosta Konferenco en Parizo, ke la Raportoj kaj Konkludoj de tiu Internacia Konferenco, ĵus aperis en libroformo.

Ili kostas Fr. fr. 10 kaj afrankite Fr. fr. 12,—. Oni povas ilin mendi rekte ĉe « Belga Esperanto-Instituto, 127, Lge Leemstraat, Antverpeno, kiu sendos ilin al la mendintoj.

# La Universala Kongreso en Varsovio

Tiuj el niaj membroj, kiuj legas la ĉiusemajnan organon de I.E.L. «Heroldo de Esperanto », jam scias pri la okazintaĵoj de nia Jubilea Kongreso en Varsovio.

Ili estos ekhavantaj la impreson, ke, laŭ nombro de ĉeestantoj kaj laŭ organiza vidpunkto, tiu ĉi jubilea Kongreso estus povinta esti pli brila, pli sukcesplena.

Tamen milo da amikoj el preskaŭ ĉiuj landoj de la tero kunvenis en la ĉefurbo de la naskiĝlando de nia Majstro kaj partoprenis diversajn emociplenajn solenaĵojn, memore de la glora kreinto de nia lingvo.

El Belgujo nur kelkaj malmultaj amikoj povis ĉeesti.

F-ino Ant. Jennen, prezidantino de la Brusela Grupo kaj administrantino de Reĝa Belga Ligo, reprezentis tie la Ministron de Publika Instruado, S-ron Julius Hoste, dum S-ro Geerinck, delegito de Sint Niklaas, reprezentis nian Ligon.

Ni tuj aldonu, ke responde al la alsendo de la oficialaj dokumentoj, F-ino Jennen ricevis, de la ministro, leteron kun jena enhavo:



LA SOLENA MALFERMO DE LA JUBILEA KONGRESO.
Ĉe la oratora pupitro: S-ro Direktoro Frelek.
(Foto: Pola Agentejo Telegrafa/PAT, Warszawa.)



LA BELEGE ORNAMITA TOMBO DE LA MAJSTRO.



BLINDA PASTRO V. D. BOSCH CELEBRAS ESP.-DISERVON.

(Fotoj: Pola Agentejo Telegrafa/PAT, Warszawa.)

« Fraŭlino,

Mi legis vian leteron de la 5a de la nuna monato kun la dokumentoj, kiuj estis aldonitaj.

La rezolucio de la 29a Universala Esperanto-Kongreso certe havos mian plenan atenton.

Akceptu...

(subskr.) Julius Hoste. »

El la leteroj, per kiuj F-ino Jennen informis la estraron de nia Ligo pri sia vojaĝo kaj pri la okazantaĵoj en Varsovio, ni ĉerpas la jenajn liniojn, kiuj estas kiel resumo de la jara mondfesto:

« La Kongreso do komenciĝis la 7-an de Aŭgusto, per interkonatiĝa vespero, en vasta restoracia ĝardeno, kiu estis plenplena je gesamideanoj, tute ĝojaj revidi unu la alian aŭ interkonatiĝi.

Dimanĉe, post diservoj kun esperantlingva prediko, demeto de florkrono memore al Marŝalo Pilsudski kaj solena malfermo de la Kongreso en la belega salono de la Filharmonio.

Kiel ĉiam, tiu kunveno estis impona.

Post parolado de S-ro D-ro Bujwid kaj S-ro generalo Bastien, parolis, laŭvice, la reprezentantoj de la registaroj. (Ĉar ŝi ricevis la tagon antaŭ sia foriro, ŝtattelegramon, permesante al ŝi reprezenti la belgan registaron, F-ino Jennen parolis pri la amikaj kaj efikaj rilatoj inter Polujo kaj Belgujo, memorigante la viziton de la Pola ministra Moŝto S-ro Beck kaj menciante la viziton al la brusela grupo de lia Moŝto, S-ro Jakowski, ministro de Polujo en Bruselo, kaj esprimante la ĝojon de la belgaj ĉeestantoj, viziti la naskiĝlandon de nia genia Majstro. Noto de la Redakcio.)

Venis pli poste la vico de la naciaj delegitoj. S-ro R. Geerinck, el St. Niklaas, tre taŭge plenumis tiun taskon je la nomo de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Estis la dua, kiam finiĝis la milopa kunsido per unuanima kanto de « La Espero ».

Vespere, okazis nedireble emociplena ceremonio por la Veteranoj.

Unue ni aŭskultis belegan cirkonstancan poezi-paroladon de S-ro Baghy, kiun akompanis la orhestro, sed kiam temis pri D-ro L. Zamenhof, Grabowski kaj ĉiuj jam mortintaj pioniroj, la orhestro, dum ni ĉiuj staris, majeste ludis la funebran marŝarion de Chopin: Estis vere emoci-plenaj momentoj. Estis kvazaŭ la animoj de la foririntoj estus vagintaj inter ni! Poste la veteranoj ricevis diplomon kaj stelon. (Ni notu, ke F-ino Jennen, tiumomente, ricevis arĝentan stelon kaj ni kore gratulu ŝin pro tio. Noto de la Redakcio.)

Lunde, okazis demeto de florkrono, ĉe la tombo de la Nekonata Soldato kaj aŭtomobila forveturo al la tombo de la Majstro. Denove granda emocio!

Post paroladoj, antaŭ laŭtigilo, en la tombejo, ni, are, laŭnacie, procesie kliniĝis antaŭ la tombo, kovrante ĝin per floroj, dum ĉiu nacia delegito salutis je la nomo de sia lando.

Alia soleno okazis ĉe la tombo de Antoni Grabowski, kie ankaŭ florkrono estis metita, dum S-ro Glück legis belegan poezion.

La teatra festo konsistis el unuakta dramo, el belegaj polaj dancoj kaj baletoj: pola kamparana edziĝfesto, kaj el kantoj.

Marde, okazis multaj fakaj kunsidoj, inter alie de T. E. K. A. kaj T. A. G. E. kaj diversaj prelegoj.

Literatura vespero finis tiun tagon.

Merkrede, denove tre emociplena tago: pilgrimo al Bialystok!

La urbo aranĝis tre bonan akcepton kaj la enloĝantoj tre interesiĝis pri la gevizitantoj.

Pie, ni vizitis la naskiĝdomon de D-ro L.L. Zamenhof. Poste okazis kunveno en publika parko, kie, dum la ĉeesto de urb-aŭtoritatuloj, parolis antaŭ la mikrofono, S-ro D-ro Bujwid, kelkaj malproksimlandaj delegitoj kaj, — tre bone —, la 12-jara Ludoviko Zamenhof, nepo de la Majstro.

Post akcepto de la urbestro, reveturo al Varsovio.

Ĵaŭdo: plenega programo, kun ĉiuhoraj paroladoj aŭ fakaj kunsidoj kaj gaja vespero.

Vendrede, denove fakaj kunsidoj kaj interalie de T. A. G. E., kiu akceptis rezolucion pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

Internacia Balo, en la urbdomo, daŭris ĝis frumatene.

Sabate okazis la ferma kunsido.

La komuna kanto de « La Espero » fermis la Kongreson. »

Ant. JENNEN.

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO




La nova domo de B.E.I.

La bildo pli bone ol la vortoj, kiujn ni povus aldoni, montros pri kio temas.

« Belga Esperanto-Instituto », kiun eble ankoraŭ tro malmulte da samideanoj konas, kaj al kiu tamen ĉiu povas aliĝi, estas koopera societo, fondita antaŭ dekunu jaroj.

La membroj estas akciuloj, kiuj posedas, ĉu unu, ĉu pluajn akciojn de cent frankoj, el kiu sumo, tamen nur, unu kvinono devas esti pagata, ĉe la aliĝo.

Dum sep jaroj, la laborado de tiu instituto fariĝis en la privata domo de nia bedaŭrata amiko Frans Schoofs, kiu estis ĝia administranto-prezidanto.

Post la morto de nia pioniro, la kungvidantoj decidis fari gravan paŝon, kiu povis signifi ĝian morton, pro la gravaj riskoj, kiujn la finance tamen ne jam tiel forta organizaĵo estis ekprenonta.

Ili decidis efektive lui domon kun magazeno en verdire iom trankvila, sed tamen centra strato.

La optimismo de la gvidantoj estis rekompencita. Anstataŭ kaŭzo de morto, tiu kuraĝplena paŝo estis kaŭzo de plifortigo kaj de pliaj novaj sukcesoj.

Nun jam, la Instituto kuraĝis fari duan paŝon, pli gravan ankoraŭ, kvankam, laŭ ni, jam malpli riskan.

Disponante, jam de kelka tempo, de du geoficistoj, kiuj profesie prilaboradas la tutan eldonan kaj presan Esperantokampon, ĝi nun transloĝis al strato trafikplena, en la vera centro de la urbo.

Se la kostoj kompreneble pligrandiĝas, la eventualeco, la ŝanco pri vendado, kaj precipe la okazo por propagando, iĝas cent-, milfoje pli grandaj.

Kaj se la gvidantoj, neniamaniere, dubas pri la sukceso, ili tamen alvokas al plia subteno.

Tiu subteno povas okazi per aĉeto en la Instituto, de Esperanto-libroj kaj de ĉiuj esperantaĵoj. Ĝi ankaŭ povas okazi per la mendo, ĉe la Instituto, de ĉiuj paperaĵoj, kiujn oni bezonas, ankaŭ de ĉiuj libroj, en Esperanto aŭ en nacia lingvo, studaj libroj aŭ leglibroj. Ne gravas la temo, nek la enhavo.

La Instituto staras je ĉies dispono, por ĉio kio rilatas la eldonan kaj presan fakon. Tio signifas, ke ĝi ankaŭ presas ĉion, kion oni volas mendi ĉe ĝi.

La gvidantoj faras, aliflanke, ankaŭ alvokon al tiuj, kiuj ne jam estas akciuloj, por ke ili senprokraste aliĝu.

Ne tiom, por ke la Instituto disponu pri pli da mono. Se ĝi bezonus la administrantaro rajtus, jam de longe, alvoki novan parton de la kapitalo.

Sed precipe, por ke pli da samideanoj estu ligataj al ĝi, per pli efektiva ligilo, ol la nura samideaneco.

Por aliĝi al la Instituto, sufiĉas skribi al la nova adreso: 127, Lge Leemstraat, Antverpeno kaj ĝiri, ĉu cent frankojn por unu akcio, ĉu parton, se oni ne deziras ĝin plenpagi. La minimuma sumo tamen estas Fr. 20,— kiujn oni povas ĝiri al la poŝtĉekkonto de B.E.I. N-ro 1589.58.

Ni aldonu, ke la nova domo permesis la organizon de legsalono, kiun povas, ĉiumomente, viziti ankaŭ eksterurbaj amikoj, ke ili estu membroj aŭ ne, kaj kie ili povas doni rendevuon al la personoj, kiujn ili deziras renkonti en Antverpeno, ĉe eventuala vizito al tiu urbo.




La elmontra fenestro de la nova magazeno.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 20.30-a h.

Sabaton, la 2-an de Oktobro, en « Zenith » 50, Frankrijklei: dua Mitulvespero de la sezono.

Sabaton, la 9-an, en « Witte Leeuw », montro de lumbildoj pri malnovaj okazintaĵoj de la grupa vivo.

Sabaton, la 16-an, en la «Esperanto-Domo»: societaj ludoj.

Sabaton, la 25-an, en « Witte Leeuw », parolado de S-ro M. Jaumotte, pri la Ekspozicio de Parizo (kun lumbildoj).

Sabaton, la 30-an, en la «Esperanto-Domo», surprizvespero, gvidata de S-ro Van Dijck (prokrastita de la antaŭa monato).

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum oktobro: ĉiuj krom aparta indiko en la « Kunvenejo ».

Dimanĉon, la 3-an: 35-a Jubileo de la Grupo (vidu alvokon sur paĝo 2).

Mardon, la 5-an: a) Legado de B. E. (Prez.: S-ro Ch. Poupeye); b) Raporto pri la Jubileo; c) Aranĝoj por la kurso.

Vendredon, la 8-an: je la 8-a en la «Sidejo». Malfermo de kurso por komencantoj (Gvid. S-ro Ch. Poupeye). Pliaj lecionoj ĉiuvendrede je sama horo kaj loko.

Mardon, la 12-an: a) Raporto pri la nova kurso; b) Dikto (Prez. F-ino Y. Thooris).

Mardon, la 19-an: Kantvespero (Gvidado: S-ino Groothaert kaj F-ino A. Boereboom); ĉe la piano: S-ino Poupeye aŭ S-ino Van Roye.

Mardon, la 26-an: Parolado de S-ro Advokato R. Groverman «La tempo pasas» (Prez. F-ino M. Vanden Berghe).

Lundon, la 1-an de novembro: je la 10-a 30 en la S-ta Georgostrato: Partopreno en sekvantaro al la Milita Tombejo.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde — kaj ankaŭ dum la daŭro de la kurso: ĉiuvendrede — de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la grupa Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Pottereirei, 1, Quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

Lundon, la 4-an de Oktobro, je la 20-a, en la Palaco de Belaj Artoj: Propaganda Vespero, senpaga provleciono laŭ la metodo Cseh (Profesoro S-ro Buenting). Kantoj kaj ekspozicio. Senpaga eniro.

Dimanĉon, la 10-an: Ekskurso: Gvidonto S-ro Loeckx. Rendevuo je la 14-a, je la tramhalto: stacidomo Boitsfort-Boschvoorde. Promenado tra la arbaro al la vinbervilaĝo: senpaga vinbermanĝo.

Se pluvas: tamen sama rendevuo kaj gaja kunveno ĉe S-ro Loeckx, 13, Avenuo E. Van Becelaere (tute proksima).

Lundon, la 11-an: parolado de S-ro Loeckx, kun lumbildoj pri Amsterdam, Rotterdam kaj Hago.

Lundon, la 18-an: parolado de F-ino S. Obozinski: La Esperanto-ekspozicio dum la 29-a internacia kongreso en Varsovio.

Lundon, la 25-an: parolado de S-ino E. Staes, pri «Vilno».

N.B. — Ĉiulunde okazos raporto pri la esperanto-eldonaĵo kaj legado de la «Ora Libro» de la Kongreso de Varsovio; je la 19-a dancleciono de S-ro Gordyn aŭ gimnastikaj ekzercoj gvidataj de S-ino Jakobsohn.

La kurso gvidota de F-ino Obozinski okazos ĉiulunde, komence de la 11-a de Oktobro, je la 19-a 30 en la grupejo Hotel Albert I, Place Rogier.

Ekzameno pri simpla kapableco okazos dum Oktobro.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo «La Verda Stelo».** — Dum la libertempaj monatoj okazis nur ne-oficialaj intimaj kunsidoj kaj la ĉiumonataj komunaj manĝoj.

En la monato de Septembro, rekomenciĝis la efektiva laboro.

La Komitato akceptis la proponon de la administrantaro de B.E.I., kiu, je tre favoraj kondiĉoj, proponas al « Verda Stelo » salonon en la nova Esperanto-domo, por la organizo de ĝiaj kursoj kaj de ĝiaj intimaj kunvenoj.

Propono pri « aĉeto de seĝo » je Fr. 50, por helpi al la pli facila aranĝo de la meblaro, en la nova salono renkontis entuziasman aprobon kaj dekunu membroj jam tuj pagis tiun donacon,

# Unueco de la Esperanto-Movado

**Diskutoj en Varsovio.**

Evidentiĝis eĉ en la komenco de la Jubilea Kongreso, ke la Esperantistoj tre deziris vidi unuecon en la movado, kaj la forigon de la UEA-IEL disputo. La Komitato de IEL kontaktis kun la reprezentantoj de UEA por eltrovi, se eble, ian solvon de la problemo. Estas aranĝite, ke tri membroj de IEL kunsidu kun tri membroj de UEA sub la prezido de D-ro Adam Zamenhof.

Tiel okazis. Post iom da diskuto, IEL faris la jenan tre favoran proponon al UEA:

1. Estu nur unu internacia organizaĵo kun nomo UEA aŭ IEL.

2. La Centra Oficejo estu en Londono, kun filia oficejo en Ĝenevo, kiun estros S-ro Jakob. Tiu ĉi zorgos ekzemple pri propagando, ŝlosiloj, la biblioteko, kaj aliaj taskoj. S-ro Malmgren estas preta, por helpi al paciĝo, rezigni la rolon, kiun li jam komencis, zorgante pri la propagandaj aferoj.

3. La nuna Provizora Komitato de UEA estu reprezentata en la Komitato de la nova organizaĵo, por montri, ke estas kunfandiĝo kaj ne ensorbo.

Tiun proponon la reprezentantoj de UEA ne akceptis, sed faris alian proponon ne akcepteblan de IEL. Dum la diskutado evidentiĝis, ke IEL trovis akcepton ĉe la Esperantistaro, ĉar ĝi jam havas pli ol 10.000 membrojn kontraŭ 1.200 flanke de UEA. Kvankam la reprezentantoj de IEL atendis ilin, la reprezentantoj de UEA eĉ ne ĉeestis la duan konsidon.

D-ro Zamenhof, kvankam li bedaŭris la malsukceson de la klopodoj pri unueciĝo, tiam aranĝis alian kunvenon de la reprezentantoj de la du partioj por vidi ĉu estas ebleco pri interkonsento pri:

1. Ĉesigo de atakoj unu kontraŭ la alia.

2. Iom da kunlaborado inter la du asocioj.

Ambaŭ partioj konsentis pri la unua punkto, kvankam la reprezentantoj de UEA rifuzis subskribi ian dokumenton. Ili eĉ rifuzis subskribi la protokolon de la unua kunsido, kvankam ili konsentis pri ĝia ĝusteco.

Pri la dua punkto nenia interkonsento estis ebla, ĉar la Komitato de IEL estis akceptinta la jenan rezolucion: «La Komitato de IEL kun bedaŭro konstatas, ke ĝi ne povas fari aranĝojn pri kunlaborado kun Asocio, kiu samtempe minacas ĝian prezidanton pri leĝa proceso. » Post tiu decido, la reprezentantoj de UEA rifuzis daŭrigi la diskutadon kaj forlasis la ĉambron

Kvankam estis decidite dum tiuj kunsidoj, kiel ankaŭ dum la kunsido de la Internacia Porkongresa Komitato la antaŭan sabaton, ke neniu parolu pri la organiza demando dum la Ferma Kunsido de la Kongreso, la reprezentanto de UEA tion faris, kaj la Kongresa Prezidanto devis atentigi la ĉeestantaron pri tiu maldeca agado.

nome: G-roj De Hondt, G-roj Faes, GEVEA-sapo, F-ino Jacobs, G-roj Jaumotte, S-ro Roost, S-ino Schoofs kaj S-ro Vermandere. La espero ekzistas, ke multaj nomoj ankoraŭ enŝoviĝos en tiun ĉi laŭalfabetan liston!

Sabaton, la 18-an de Septembro, S-ro Faes faris tre interesan paroladon pri Oceanio.

Mardon, la 21-an, malfermiĝis la unua kurso de la sezono en la nova salono de la « Esperanto-Domo ». S-ro Jaumotte, prezidanto, prezentis la profesorinon, F-inon Jacobs, al 17 novaj lernantoj kaj faris la enkondukan paroladon. Intertempe, la nombro de la novaj enskribitoj ankoraŭ plialtiĝis ĝis 21.

Sabaton, la 25-an, okazis la unua kunsido en la nova Esperanto-Domo. La multnombraj ĉeestintaj membroj aplaŭdis longe la vortojn de la prezidanto, kiu, rapide, skizis la historion kaj la efektivigon de tiu ĉi translokigo, kaj kiu dankis ĉiujn, kiuj kunhelpis al la efektivigo de tiu plano, kiu, iom post iom, kondukas nin al la posedo de plena Esperanta domego.

La membroj miris pri ĉiuj aranĝoj, kiuj ankaŭ antaŭvidis la funkciadon de plena bufedo, kun ĉiuj trinkaĵoj kaj la uzon de multaj ludoj, je la dispono de la membroj.

**BRUĜO.** — **« Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝ. Societo ».** — La 4-an de Aŭgusto kelkaj samideanoj kunvenis ĉe kafejo « de la Bourse » (S-anino Christiaens) sur la Granda Placo, por tie aŭskulti la sonorilaran koncerton. « La Espero » estis ludata.

Delegacio de la grupo partoprenis, la 8-an de Aŭgusto, en la ĉiujara sekvantaro al la Muro de la Mortpafigitoj.

La 10-an, okazis agrabla promenado laŭlonge de la urbaj remparoj. Poste kelkaj samideanoj finis la vesperon en la nova kunvenejo de la grupo: Salonego Brangwyn, placo Simon Stevin, ĉe S-ano V. Jéhansart.

La 17-an en « Unuiĝo »: S-ro Poupeye gvidis la legadon de B.E. kaj donis la necesajn klarigojn; por fini kelkaj portretludoj estis faritaj.

La 24-an en « Unuiĝo »: ĉeestis Ges-roj Vermuyten el Antverpeno. Post kelkaj komunikaĵoj, faritaj de la vic-prezidanto S-ro Poupeye, S-ro Vermuyten legis belajn esp. poeziaĵojn el siaj verkoj kaj tradukoj; li ankaŭ majstre deklamis kelkajn el siaj belaj flandraj tradukoj el la verkoj de Kalocsay kaj Baghy. S-ro Van Roye gratulis kaj dankis varme la talentplenan samideanon, esprimante ĉies deziron, ke la Bruĝa Grupo ankoraŭ ofte povu ricevi la agrablan viziton de Ges-roj Vermuyten.

La 31-an en Salonego Brangwyn: S-ro Poupeye gvidis la legadon de teatraĵeto « Amaj Ruzetoj » de S-ino L. Faes-Janssens, ludota dum la jubilea festo de la 3-a de Oktobro. Sekvis triopa babilado sub gvidado de S-ro Decoster, kiu petis poste raporton pri la priparolitaj temoj.

La 7-an de Septembro post la diversaj komunikaĵoj, faritaj de F-ino Thooris, kelkaj aranĝoj estis alprenitaj por la venonta festo de la 3-a de oktobro. Poste la teatraĵeto « Amaj Ruzetoj » estis denove legata kaj la roloj disdonataj.

La 14-an, okazis debato sub gvidado de S-ro H. Van Roye pri « Urba aŭ kampara vivo ». Multaj ĉeestantoj partoprenis en vigla kaj ofte tre amuza diskutado.

**BRUSELO.** — **Esperantista Brusela Grupo.** — Je la komenco de la kunsido de la 20a de Septembro, kiun prezidis S-ino F. Staes, S-ino Elly Staes petis ke la ĉeestantaro honorigu, per unu minuto de silento la memoron de la Ĉeĥa demokrata Patriarko, la estinta Prezidanto Masaryk; ĉiuj subskribis kondolencojn sendotajn al la Ĉeĥaj samideanoj en Praha.

Samtempe rondiris Ĉeĥaj gazetoj sur kiuj estas videblaj multaj heroaj okazintaĵoj rilate al la vivo de Masaryk.

S-ino F. Staes legas leteron de Prahaa samideano; poste artikolon el « Le Soir » pri interesa Esperanta ekspozicio en Loveno.

Sekve parolas S-ro Louckx por rememorigi kaj klarigi la estontan ekskurson de la 10-a de Oktobro en Boitsfort.

Fine la sindona S-ro Buenting klarigas la celon de la kunveno de la 4-a Oktobro en « Palais des Beaux Arts ». Li donos provlecionon. Li priparolas kaj disdonas la jarraporton de E. R. B. 1935-36 kiun li redaktis.

**GENTO.** — **Genta Grupo Esperantista.** — Je la mezo de Julio, la membroj kunvenis ĉe F-ino Van den Nesse, Citadellaan, por aŭskulti esperantajn paroladojn, elsenditajn de Radio-Hilversum.

Dum la kunsido, F-ino Van den Nesse afable disdonis al la ĉeestintoj kafon, kukojn kaj tortojn kaj S-ro Van de Velde, prezidanto estis ĉies interpretanto, kiam li dankis kore F-inon Van den Nesse.

La 9an de Aŭgusto, okazis libertempa kunveno en la salono « Mélomanes », Savaenstraat. La unua parto konsistis el spritaj lingvaj ekzercoj per humoraj tekstoj. La ĉeestintoj ŝatis multe tiun lernmetodon. Poste sekvis parolado de S-ro Derèse, pri « Kion celas la vegetarismo? ». Tiu ĉi parolado estis sekvata de diskutado pri la priparolita temo.

La 30-an de Aŭgusto, dua libertempa kunveno en « Mélomanes ». Post la lingvaj ekzercoj, okazis literatura vespero pri la verkoj de S-roj Grenkamp, Baghy, Swartz kaj S-ino Elworthy-Posenaer.

**LOVENO.** — **Lovena Grupo Esperantista.** — Ĉar kelkaj membroj libertempis dum ĉi tiu monato, la laboremo de la kunvenoj ne estis kiel kutime. Tamen nenion pro tio perdis la restantaj membroj, ĉar S-ro Wauters rakontis pri la vivo de D-ro Zamenhof, pri la Esperanto-movado internacia.

Dume ankaŭ finiĝis la kurso por komencantoj, organizita de la grupo. S-ro Wauters raportis pri siaj vizitoj al Antverpeno, Bruselo, Thienen kaj Jodoigne.

Pli grava afero nun priokupas la estraranojn kiuj decidis aranĝi Esperanto-kurson en Loveno.

Estis decidite, ke S-ro Jansens informos, estonte, la gemembrojn pri la radio-dissendoj. La grupo tial abonis la S.O.S.-bultenon.

# Bibliografio

MUUSSES ESPERANTO-BIBLIOTEKO.

Ĉiu serio ampleksas 10 volumetojn. Unuopa volumeto kostas 0.35 guld.; tuta serio 2.50, inkl. sendkostoj. Formato 13x20 cm.; amplekso de unuopa volumeto 32-36 paĝoj. — Eldonas: J. Muusses, Purmerend (Nederlando).

Mendebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, Lge Leemstr., 127, Antverpeno.

—o—

En rapida sinsekvo, aperis dek numeroj de tiu libret-serio, kiun ni vere varme rekomendas al ĉiuj, kiuj volas tute esti « hejme » en la esperanto-movado kun ĉiuj ĝiaj rilatoj.

—o—

**1: La grandaj filozofoj kaj la Universala Lingvo. — Aŭtoro: Julius Gluck.**

J. Gluck, konata verkisto kaj ĵurnalisto traktis en la unua libreto de tiu ĉi interesa serio pri « tiuj filozofoj de universala formato, kiuj plensukcese kaj potence influis la evoluon de la scienco, kulturo kaj progreso, kaj kiuj ankaŭ havas specialan signifon por la « Universala Lingvo ».

Unu post la alia li skizas historion antaŭ ni de Descartes, Komensky, Leibnitz, Couturat, Locke, Dalgarno, Wilkins kaj Nietzsche, kies nomon ni pli bone konas ol ilian laboron.

—o—

**2: Rusaj Noveloj.**
**Tradukis: A. Filatov, el Lermontov kaj Mamin-Sibirjak.**

Du noveloj de du rusaj konataj novelistoj.

La stilo de ambaŭ mallongaj literaturaĵoj estas rimarkinde simpla, nekomplika, kaj samgrade bona.

Kelkaj esprimoj, tutnovaj sed ne superfluaj, speciale trafis nin en tiu ĉi libreto.

—o—

**3: De Muheddin ĝis Mundilatin.**
**Aŭtoro: Teo Jung.**

Ni ne devas prezenti al niaj legantoj la konatan redaktoron de « Heroldo de Esperanto », Teo Jung.

En konciza sed bona formo, li donacis al ni la historion, la trafan skizon pri ĉiuj eblaj projektoj de internaciaj helplingvoj, konforme al la subtitolo de la libreto: « Mondlingvaj Projektoj tra la Jarcentoj ».

Jung klare verkas, li ne maljuste prijuĝas, tute ne estas lia opinio: « Ne estas Esperanto, do ne taŭgas ». Tute ne! Kontraŭe eĉ, li ne neas la bonajn flankojn kaj ecojn de aliaj projektoj, sed des pli li ilin priparolas, des pli la leganto konscias ke Esperanto estas ja LA trezoro.

—o—

**4: Tra Usono kun ruliĝanta Hejmo.**
**Aŭtoro: Joseph R. Scherer.**

Ni jam sufiĉe ofte parolis pri J. R. Scherer. Do ne necesas insisti.

Ni nur povas diri, ke ĉiuj, kiuj legis la vivoplenan libron « Ĉirkaŭ la Mondon kun la Verda Stelo » kaj kiu ĉeestis unu el liaj diversaj paroladoj en nia lando, tuj aĉetos la libreton.

Kiam oni aŭdas Scherer aŭ legas lin, oni ne nur aŭskultas, ne nur sekvas, sed mem vojaĝas!

—o—

**5: El la klasika Periodo de Esperanto.**
**Aŭtoro: J. Gluck.**

La aŭtoro de la unua libreto en tiu ĉi serio rekaptis sian plumon, ne por ankoraŭ verki pri grandaj ne-esperantistoj, sed pri valoraj esperantistoj.

Tiuj kiuj timas eklegi dikegan volumon pri niaj klasikuloj, kiuj timas masojn da ekzemploj, superŝuton de modeloj, sentime povas legi la libreton «El la klasika Periodo de Esperanto».

Post mallonga trastudado de la verketo, ili efektive konos niajn du klasikulojn: Antoni Grabowski kaj Kazimierz Bein.

Paĝo post paĝo pruvas al ni ke ilia aŭtoro mem, persone konis la priskribitojn kaj la libreto formas kune kun la numeroj 1 kaj 3 de la sama serio, admirindan unuon.

Ni nur esperas ke iam Gluck denove verkos, ne plu pri Grabowski, ne plu pri Kabe sed pri nia kara Majstro mem.

La aperigo en la M.E.B. de studo pri D-ro L.L. Zamenhof en tiu ĉi jaro estus ja la plej bela honorigo al tiu, kies kreaĵo ekzistas nun duonjarcenton.

**(Recenzo pri aliaj numeroj de la unua serio aperos en proksima numero.)**

# Esperantista Lingva Komitato

**Sekretario: R. de Lajarte — 4, Villa d'Orléans Fontenay-sous-Bois (Seine), France.**

## Cirkulero N-ro 14 al la Lingva-komitatanoj pri elektoj en la L.K.-on.

La membroj de la L.K. elirantaj en 1937 pro finiĝo de sia naŭjara periodo de aneco estas re-elektitaj. Ili estas: S-roj Baghy, Belmont, Bofill, Drezen, Ghezzo, Mučnik, Uitterdijk.

Estas elektitaj en la Akademion S-roj Baghy, Belmont, Cseh, elirantaj pro finiĝo de sia naŭjara periodo, Grau Casas, Minor, Schmid, Waringhien, kandidatoj prezentitaj la 1-an de Julio 1936.

Laŭstatute okazis la ĉiutrijara baloto por elekto de la Estraro de la L.K. Voĉdonis 11 Akademianoj.

Por la posteno de Prezidanto ricevis S-roj Rollet de l'Isle 4 voĉojn, Isbrücker 4, Bailey 1, Belmont 1, nulo: 1.

Ĉar S-ro Rollet de l'Isle oficiale sciigis, antaŭ la baloto, ke li rezignas la prezidantecon, li ne estis elektebla; ĉar, aliflanke, S-ro Isbrücker, antaŭ ol akcepti la prezidantecon, esprimis la deziron, ke la plimulto el liaj kolegoj aprobu lian elekton, la Akademianoj estis konsultataj. 11 respondis, el kiuj 10 aprobis. Sekve, S-ro Isbrücker estas Prezidanto.

Por la posteno de vicprezidanto ricevis: S-roj Baghy 3 voĉojn, Grau Casas 3, Bastien 2, Isbrücker 2, Waringhien 2, Cseh 1 voĉon, Rollet de l'Isle 1.

Sekve, estas elektitaj Vicprezidantoj S-roj Baghy kaj Grau Casas.

Por la posteno de Direktoro de la Sekcia « Komuna Vortaro » ricevis: S-roj W. Bailey 3 voĉojn, Schmid 1 voĉon, Waringhien 1.

Sekve, S-ro Bailey estas elektita.

Por la posteno de Direktoro de la Sekcio « Gramatiko » ricevis: S-roj Cseh 2 voĉojn, Waringhien 2, Baghy, Lippmann, Schmid, Stamatiadis, ĉiu 1 voĉon.

Sekve, ĉar S-ro Cseh estas pli malnova akademiano ol S-ro Waringhien, li estas elektita provizora direktoro ĝis kiam D-ro Lippmann povos reokupi sian postenon.

Por la posteno de Direktoro de la Sekcio « Teknika Vortaro » ricevis, S-roj Helleboid 4 voĉojn, Setala 2, Grenkamp, Inglada, Isbrücker, Minor, ĉiu 1 voĉon.

Sekve, S-ro Helleboid, Sekretario de la « Pariza Studa Komisiono por teknika vortaro », estas elektita.

Por la posteno de Direktoro de la Sekcio « Kontrolo », ricevis S-ro Rollet de l'Isle 9 voĉojn; sekve, li estas elektita.

Pro decido de la L.K., ke devas esti intertempo de ses monatoj inter la prezentado de kandidatoj kaj la baloto, estas nun prezentataj: S-roj Bailey (Th. G.), Demidjuk. Esselin, Hohlov, Kühnl, Nekrasov, Privat, Rublov, Spiridoviĉ, Stojan, Wiesenfeld, F-ino Shafer, elirantaj en 1938 pro finiĝo de sia naŭjara periodo de aneco.

Ankaŭ pro decido de la L.K., ke la nombro de ĝiaj membroj ne povos superi 100, kaj ĉar ĝi estas nur 107, neniu nova kandidato estas prezentata.

Kunsido de la Lingva Komitato okazos dum la Kongreso en Varsovio, ĵaŭdon, la 12-an de Aŭgusto, je la 9-a 30 matene.

La Prezidanto:
J. R. G. Isbrücker

# Komunikoj

## de la Loka Kongresa Komitato de la 29a Universala Jubilea Kongreso.

**« Ora Libro ».** Kongresanoj, kiuj ne ricevis la « Oran Libron », estas petataj tuj informi LKK. Sendu la precizajn adresojn, kaj 2 respondkuponojn por kovri la poŝtelspezojn!

**Kongresaj dokumentoj.** Samideanoj, kiuj ne povis partopreni la Universalan Kongreson en Varsovio kaj volas ricevi ĉiujn kongresajn dokumentojn (1800 gr.), bonsolu sendi 7 respondkuponojn aŭ egalvaloron por kovri la poŝtelspezojn! Al la helpkongresanoj ni mem sendos.

**« La Jubilea ».** Volonte ni sendos al ĉiu 7 numerojn de la oficiala gazeto de la 29a Universala Kongreso « La Jubilea » kontraŭ 2 respondkuponoj.

**Memoraĵoj el Varsovio.** Restis 32 serioj po 10 fotografaĵoj de Varsovio kun Esperanta surpreso. Volonte ni sendos serion por 2 respondkuponoj.

**Broŝuroj pri Varsovio, Krakovo, Vilno, Gdynia.** Al ĉiu ni volonte sendos la broŝurojn. Nur ne forgesu aldoni 1 respondkuponon por kovri niajn poŝtelspezojn!

**« Literatura Mondo ».** Baldaŭ ni komencos dissendi kiel memoraĵon pri la Kongreso la polan numeron de « Literatura Mondo ».

**Mantelo.** Iu sinjorino forgesis en la Akceptejo mantelon. Kiu?

**Danko.** LKK plej kore dankas al ĉiuj, kiuj helpis en la aranĝoj, laboroj de la Kongreso kaj partoprenis ĝin.



# Anoncetoj

*Turnu vin al samideanaj firmoj :*

## EN BRUĜO

**ALGRAIN-COUCKE,** 23, Vlamingstr. rue Flamande. Tel. 334.24. Nuntempaj Novaĵoj por sinjorinoj kaj knabinoj.

**DE GUCHTENEERE, J.** « Agence Maritime Minne», Komvest, 44, Ŝipmaklero, Transporto, Eldoganigo, Asekuro, Tel. : 334.22.

**FOTO BRUSSELLE,** Steenstr., 41, rue des Pierres. Tel. : 334.11. Fotografado industria. Foto-Kino-Aparatoj, Akcesoraĵoj, laboroj.

**HOTEL VAN EYCK,** Zilverstr., 8. Familia Hejmo, Centra sed kvieta situacio, burĝa klientaro, moderaj prezoj.

**M. HUYGHE,** Potterierei, 1. Ilustritaj poŝtkartoj, ĉiuspecaj memoraĵoj pri Bruĝo. Helpa Poŝtoficejo. Tel. : 315.61.

**Emiel MESTDAGH,** Moerkerksche Stw. 113, St-Kruis. Tapetisto, Murpaperoj, Tapiŝoj, Drapiraĵoj, Seĝegoj.

**Ph. MICHOLT,** Koningenstr. 7, rue des Rois, apud Preĝejo Sta Walburgo. — Roboj, Manteloj.

**Antoine POUPEYE,** Dampoortstr. 23, St-Kruis. Tel. : 314.61. Ĉiuj asekuroj en la tuta lando. Informoj sen devigo.

**J. ROOSE,** Bdo Guido Gezelle 15. Tel. : 322.24. Holanda artefarita butero. Francaj vinoj. Senpera elveno.

**SABBE-DE VEEN,** Steenstr. 76, Rue des Pierres. Tel. : 330.48. Floroj-Agento de « Fleurop » n-ro 669.

**VOLCKAERT,** Geldmuntstr. 30, Rue de la Monnaie. Tel. : 336.07. Porkaĵoj, Ĉasaĵoj, kortbirdaĵoj.

**V-ino van VOOREN de MILLIANO,** Academiestr. 11, Kukejo. Fabrikejo de veraj Holandaj biskvitoj.

**VAN DE VENNE,** Bouveriestr., 59, Skulptisto; tombŝtonoj. Blankaj kaj bluaj ŝtonaĵoj.

**SALONEGO BRANGWYN,** S-ano Vital Jéhansart, placo Simon Stevin, Kunvenejo de B. G. E. — Kafejo — Hotelo. — Esperanto parolata.

## EN LA LOUVIERE

**RENE FALISE,** librovendejo, 10, strato Albert I-a; ĉiuj klasikaj, teknikaj, literaturaj kaj ESPERANTISTAJ libroj de ĉiuj aŭtoroj kaj eldonistoj.

**AŬTOMOBILEJO C. WINS-MEUNIER.** — Haltejo. — Riparejo kaj zorga servado. — Nokte kaj tage. — Tel. 282 k. 1270.

**Kalkulmaŝino** el Svisa fabrikejo (Madas) faras la kvar operaciojn. Aĉetebla je favora prezo Fr. 5.000. — Informoj ĉe F-ino Thooris, Wijnzakstraat, 4, Rue de l'Outre, Bruĝo.

**ABONU** la unikan revuon **Literaturo Mondo.** - Kotizo por 1937 : Bfr. 55,— ĉe BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Willemsstr. 21, Antverpeno. — Poŝtĉekkonto 1689.58.

**DEZIRAS KORESPONDI.** — S-ro Ten'ei Jamada; Zentôji; Kihonai-mura; Kamiiso-gun; HOKKAIDO; **Japanujo.**

**ESTRARO DE „ BELGA LIGO ESPERANTISTA "**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)
**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)
**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)
**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.
**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337 67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).
**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la speciala P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.
**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.